20a Jaro - No 12 (214)    Jara Kotiz-Abono Fr. 30,—    Decembro 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a
OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA
Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTORO
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ
**Henri PETIAU**
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1337.67 (Wilrijck)

## Antaŭ la Jarfino.

# Rerigardo al foriranta Jaro

Dum ni preparas la paĝojn 93 ĝis 100 de nia revuo, kaj malgraŭ la fakto, ke ankoraŭ plena monato nin disigas de la jarfino, ni pripensas ke, ĉar temas tamen pri la lasta numero de la jarkolekto 1934, decus ke ni rerigardu dummomente al la foriranta jaro.

Tiu ĉi jaro estos enskribata en nigraj literoj en la historion de la Belga Esperanto-movado

Tri el la dekdu numeroj de nia revuo aperis kun larĝa nigra kadro. Nin forlasis ĝiseterne la alta protektanto de niaj Esperanto-kongresoj, L.R.M. Alberto Ia, pro kiu tutspeciale funebris nia Honora Prezidanto la Duko de Brabanto, kiun ni havis la ĝojon ne nur saluti, kiel nian trian Reĝon, sed ankaŭ en lia funkcio de Honora Prezidanto de nia Ligo, posteno kiun Li bonvolis konservi.

Poste estis la vico de nia Prezidanto mem, S-ro Schoofs, kiun ni ne nur konis en tiu ĉi nura funkcio, sed kiu vere portis la tutan ŝarĝon de la Esperanto-vivo en nia Lando, de la momento kiam S-ro A. J. Witteryck, antaŭ kelkaj jaroj, pro malsano retiriĝis kaj akceptis la postenon de Prezidanto pro Honoro.

Ankaŭ tiu ĉi pioniro forfalis kelkajn monatojn poste.

Kaj, por la tria fojo, la belga Esperantistaro ploris.

Multaj efektive perdis, pro tiuj forfaloj, karajn amikojn. Sed aliflanke la movado mem estis preskaŭ neripareble trafita.

Kiu, inter ni, sciiĝinte pri la subitaj kaj reaj frapoj, ne, almenaŭ dummomente, dubis pri la estonta farto de nia movado ?

Tiom multe ni lasis sur la ŝultroj de ili, kiuj foriris ; tiom multe ni kalkulis pri ilia daŭra, senlaca laboro, ke ĉiuj ni ja devis dubi, ĉu la tasko estos reprenebla kaj restarigebla.

Sed kiel ofte okazas : Apud la abismo estis ankaŭ la savo.

Guste tiu dubo, kiu plenigis ĉiujn korojn, igis ĉiujn fari kiel konscienc -ekzamenon. Kaj baldaŭ multaj konsciis, ke estis ilia devo preni taskon, se ili ĝis nun ne havis ; pligravigi la ŝarĝon, se jam ili portis sian parton de la laboro.

Kaj je l'honoro de la Belga Esperantistaro, ni povas diri, ke tiu konsciencekzameno vere nelonge daŭris, kaj, ke, ne post tagoj, sed ni diru preskaŭ post horoj, ĉiuj estis ekkonsciintaj pri sia devo.

Tiel post memorigo de la gravfunebraj frapoj, kiuj nin trafis, ni povas ankaŭ memorigi, ke tiuj ĉi igis ĉiujn, kiuj restis, apogi sin unu al alia, kaj decidi pri la revigligo de la movado.

En la diversaj sekcioj de nia movada laboro : Universala Esperanto-Asocio, Belga Ligo Esperantista, Reĝa Antverpena Grupo « La Verda Stelo », « Belga Esperanto-Instituto » kaj « Belga Esperantisto », oni starigis dividon de la laboro, kiu nur ĵus nun plene efektiviĝis.

Tiu ĉi divido okazis sen la plej malgranda puŝo aŭ malfacilajo. Ĉiuj decidoj estis, ĉie, unuanime alprenataj.

Ne longaj diskutoj ekestis pri la akcepto aŭ neakcepto de iu tasko. Ĉiuj facile lasis sin konvinki, kiam la kunbatalantoj montris al ili, ke ili estas plej taŭgaj por iu funkcio.

Aliflanke ĉiuj, kiuj prenis sur sin parton de la granda dividota tasko, promesis solene ĝin akurate plenumi, kaj ni povas ĝoji, ke rerigardante al la pasintaj monatoj, ĉiuj ankaŭ plene efektivigis sian promeson.

En « Belga Ligo Esperantista » mem, la rearanĝo de la postenoj estis plej multe prokrastata kaj nur dimanĉon, la 18an de Novembro, la novelektita Ligestraro povis unuafoje kunsidi.

Kiel oni vidos, en sama numero, ankaŭ tie oni decidis dividi la laboron laŭ racia maniero, lasi al ĉiu iun respondecon kaj farigi de ĉiu parton de la laboro.

Sub la junaj kaj apartigitaj gvidadoj, ni povas esperi, ke, en ĉiuj niaj Esperanto-korpusoj kaj organismoj, baldaŭ ekestos refreŝigita atmosfero kaj ke —, malgraŭ la krizo, kiu kompreneble ankaŭ trafas la Esperanto-movadon, kiel ĉiujn aliajn, kiuj ne rekte kaj tuje alportas monon, sed kontraŭe devigas al kelka oferado, ĉu mona, ĉu labora, ĉu studa —, la Belga Esperanto-movado baldaŭ konos plenan belan reviglîĝon.

Ke tiu nova tagiĝo estu kiel eble plej proksima, estas nia granda espero, je tiu ĉi momento, kiam ni skribas la lastajn liniojn en la lasta kajero de 1934.

Ke la jaro 1935 estu milda al nia movado, milda al ni ĉiuj kaj al ĉiuj, kiuj estas karaj al ni.

Maur. JAUMOTTE.

# Belga Ligo Esperantista

## La divido de la laboro.

La Ligestraro, kiu de nun konsistas el S-ro Paul Kempeneers, prezidanto; S-ro Leon Cogen, vicprezidanto; F-ino Yvonne Thooris, vicprezidantino; S-ro Henri Petiau, ĝenerala sekretario; S-ro Maurice Jaumotte, kasisto, kun kiuj, de nun, intime kunlaboros S-ro Morris De Ketelaere, ĉefdelegito de U.E.A., kunvenis unuafoje en Bruselo la 18a de Novembro.

Ordinare ni ne donas en « Belga Esperantisto » raporton pri tiuj kunsidoj.

Tiun ĉi fojon ni tamen volas atentigi, ke la estraro dividis la laboron jene:

*Generala gvidado kaj eksteraj aferoj:* S-ro Kempeneers.

*Instruaj aferoj* (paroladoj, malfermo de kursoj, ekzamenoj en grupoj k. c.) *kaj festoj dum kongresoj:* S-ro Cogen.

*Propagando:* F-ino Thooris, en kunlaboro kun S-ro De Ketelaere, por tio kio rilatas al U.E.A.

*Financaj Aferoj kaj gazeto,* same kiel ankaŭ informoj por la gazetara servo: S-ro Maur. Jaumotte.

Kompreneble por ĉiuj aliaj aferoj, kaj por ĉiuj, pri kiuj oni iel dubas, oni sin turnu al la Sekretario, kiu daŭrigas sian ĝeneralan organizan laboron. Ankaŭ por la anoncoj en « Belga Esperantisto » oni sin turnu al S-ro Petiau.

---

# ATENTU!

## Bonfaremaj Membroj!

**Kiel ni jam diris, la Komitato de Belga Ligo Esperantista decidis pri starigo de kategorio de BONFAREMULOJ DE LA BELGA MOVADO, kiu, dum la kriza periodo almenaŭ, subtenos la laboron de Belga Ligo.**

**Ĉar ni nun fine atingis en la mondo la tiom deziritan kotizon UNIKAN, ni ne komplikos la aferon per la kreado de vera nova membreco.**

**Ni tamen diru, ke la Grupoj kaj la Ligestraro konsideros kiel BONFARANTOJN de nia movado, kun rajto al speciala mencio, ĉiujn, kiuj anstataŭigos la pagon de Fr. 30,— al sia grupo aŭ rekte al la Ligo, per pago de Fr. 100,—, kaj tiel do faras veran porpropagandan donacon de Fr. 70,—.**

**Tiuj, kiuj estas membroj-abonantoj de U.E.A. aŭ membroj subtenantoj aŭ membroj kun jarlibro, do aldonos same Fr. 70,— al la sumo pagita por 1934.**

**De nun ni atendas la pagojn de niaj BONFAREMAJ MEMBROJ. Se 50 envenas, la krizo por la Belga Movado ne plu ekzistas.**

**Kiu ne deziros esti unu el tiu kvindeko?**

* * *

**Ni aldonu ke tiuj membroj, kiuj aliĝas al Belga Ligo pere de grupo devas pagi tiun monoferon, kun la ordinara kotizo, al la kasisto de la grupoj ĉar, por ili, la donaco dividiĝos en du egalaj partoj: 50 por la Ligo, 50 por la grupoj.**

**Nur la izoluloj rekte pagu al la poŝtĉekonto de "Belga Ligo Esperantista", N-ro 1337.67.**

# JUBILEO ROLLET DE L'ISLE.

La francaj Esperantistoj dediĉas grandan parton de sia organo « Franca Esperantisto » al la laŭdo de S-ro Rollet de l'Isle, prezidanto de la Esperanta Akademio, okaze de lia 75a naskiĝfesto.

Ĉiuj belgoj unuanime ankaŭ deziros gratuli la ankoraŭ tiel viglan jubileanton, kiu, kiel scienculo kaj kiel laboranto en la Esperanta kampo, akiris ĉies admiron.

Ni represas tie ĉi la artikolon, kiun dediĉas, en la citita organo, Generalo L. Bastien, Prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio, al la jubileulo:

« S-ro Rollet de l'Isle partoprenis niajn plej gravajn internaciajn instancojn. Sekve de la kontrakto de Helsinki (1922), la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kaj UEA interkonsentis pri komitato el ses membroj, la Centra Esperanto-Komitato, kiu poste nomiĝis Internacia Centra Komitato (I.C.K.). Ĝi unuigis ĉiujn naciajn societojn, organizis la universalajn kongresojn kunlabore kun la Lokaj Kongresaj Komitatoj, k.t.p. En 1934, ĝi fandiĝis en la nova komuna centra organizo UEA.

De la unua momento ĝis la fino, S-ro Rollet de l'Isle estis la plej agema membro de tiu Komitato. Regule li korespondis kun la oficejo de I.C.K. en Ĝenevo, kaj en tiu lia ampleksa korespondado oni trovas multajn sencoplenajn ideojn, kiujn profitis la centra organizo.

Tiu senĉesa longdaŭra laborado estis unu el la precipaj motivoj, pro kiuj en la ĉitiujara Universala Kongreso en Stockholmo, ĝenerala kunveno aklame aljuĝis al li la titolon: Honora Membro de UEA. La longa aplaŭdado, kiu sekvis la proponon faritan de la Prezidanto de UEA, montris ke en la tuta mondo la Esperantistaro konas kaj ŝatas laŭ ĝia ĝusta valoro la tridekjaran agadon de la Honorito.

Membro de la Lingva Komitato jam en 1909, li fariĝis Direktoro de la Sekcio de Teknikaj Vortaroj, poste Akademiano kaj preskaŭ samtempe Prezidanto de la Akademio (1933).

Tuj de la komenco de sia prezidanteco li provis reorganizi la laboron de la Akademio, en kiu ĝis tiam mankis firma gvidado kaj divido de la taskoj. Li senprokraste faris diversajn ŝanĝojn, kaj starigis liston de difinitaj taskoj, por kiuj li provis kolekti kunlaborantojn.

Sed lia ĝis nun plej grava plibonigo estas kreo de « Sekcio de kontrolo », kiu celas:

1° Serĉi en la vortaroj, gazetoj, libroj... la neoficialajn radikojn.

2° Esplori la ĝustecon kaj klarecon de la fundamentaj gramatikaj reguloj en la diversaj lernolibroj.

3° Pristudi la instrumetodojn kaj la programojn de ekzamenoj.

Tiu granda kaj grava laboro estas nur en periodo de organizo. Se — kiel oni rajtas esperi — ĝi alportos ordon kaj klarecon sur kampon, kie regas konfuzego en la nuna momento, ĝi estos unu el la plej belaj juveloj de la krono, kiu honoros la senĉesan laboron de nia granda Esperantisto Rollet de l'Isle. »

La belga Esperantistaro nur povas aldoni sian laŭdvoĉon al tiu bonega gratulartikolo de la prezidanto de la internacia movado. Kaj okaze de tiu ĉi jubileo, ni multe incitas legi la bonegan verketon de la jubileanto, eldonitan en ambaŭ niaj naciaj lingvoj, pere de « Belga Esperanto-Instituto »: « Initiation à l'Esperanto » kaj « Inleiding tot Esperanto » (Traduko de Maur. Jaumotte).

# LITERATURO

## MARG. AUDOUX.

### El "MARIE-CLAIRE".

Depost la foriro de Johano la Ruĝa, mi ne sciis kiamaniere pasigi la tempon post la meso. Ĉiudimanĉe mi preterpasis lian domon de la monteto ; kelkfoje mi rigardis tra la fendoj de la fenestraj kovriloj kaj kiam mi hazarde tuŝis la lignon per mia frunto, ĝi eligis sonon, kiu malantaŭenigis min, ektimiĝinta.

Iun dimanĉon, mi rimarkis, ke la pordo ne havas seruron ; mi metis la fingron sur la levfermilon kaj tuj la pordo malfermiĝis kun granda bruo.

Mi ne antaŭvidis, ke ĝi tiel rapide malfermiĝos, kaj mi restis tie, kun la intenco ĝin refermi kaj foriri. Poste, ĉar la bruo ĉesis kaj, ĉar la sunradioj tuj eniris farante grandan luman kvadraton, mi decidis ankaŭ eniri, lasante la pordon malfermita.

La granda kameno ne plu havis sian kaldronhokon, nek siajn altajn kamenstablegojn ; nur restis en la ĉambrego la dikaj lignaj rondaĵoj, kiuj servis kiel seĝoj al la infanoj de Johano la Ruĝa. Ilia ŝelo estis eluzita kaj ilia supraĵo estis glata, kvazaŭ polurita pro la uzado. La dua ĉambro estis tute malplena ; ĝi ne estis kaheligita kaj, sur la batita tero, la litpiedoj faris truojn.

La pordo en la fundo ankaŭ ne havis seruron kaj mi baldaŭ troviĝis en la ĝardeno.

La florbedoj konservis ankoraŭ kelkajn vintrajn legomojn kaj la fruktarboj estis florplenaj.

La plimulto estis tre maljuna ; kelkaj fariĝis ĝibaj kaj iliaj branĉoj malaltiĝis kvazaŭ eĉ la floroj estus tro pezaj.

En la malsupra parto de la ĝardeno la monteto, per malkruta deklivo, plilarĝiĝis ĝis senlima ebenaĵo, kie paŝtis brutaro kaj, tute en la fundo, vico da poploj staris kvazaŭ barilo, kiu malebligis, ke la ĉielo eniru en la ebenaĵon.

Iom post iom mi rekonis ĉiun lokon. Jen la rivereto, ĉe la malsupro de la monteto. Mi ne vidas la akvon, sed la salikoj ŝajnas flanken iri por ke ĝi povu pasi.

Ĝi malaperas malantaŭ la konstruaĵoj de Villevieille kies tegmentoj havas la saman koloron kiel la kaŝtanarboj kaj, jen, ĝi troviĝas je la alia flanko. Ĝi kelkloke brilas inter la maldikaj poploj, poste ĝi enprofundiĝas en tiun grandan abiarbaron, kiu tute nigre aspektas kaj kiu kaŝas la « Gué perdu » : estas la vojo, kiun indikis al mi Sinjorino Alphonse por iri ĉe sia patrino... Ŝia frato certe sekvis tiun saman vojon la tagon, kiam li aperis antaŭ mi en la ileksotufo.

Hodiaŭ neniu estis sur la vojeto. Ĉio estis hele verda kaj miaj rigardoj vane serĉis, nenia kitelo montriĝis.

Miaj okuloj ankaŭ serĉis la arbustotufon, sed ĝin kaŝis la farmotegmento.

Hendriko Deslois, depost Pasko, tien kelkfoje venis. Mi ne kapablus diri kiamaniere mi tion sciis; sed tiujn tagojn mi ne povis deteni min ĝin ĉirkaŭpasi.

Hieraŭ Hendriko Deslois eniris en la tolaĵejon dum mi estis sola : li faris geston kvazaŭ li estus parolonta.

Tuj mi rigardis lin kiel la unuan fojon kaj li foriris nenion dirante.

Kaj nun, kiam mi estis en tiu ĝardeno sen ĉirkaŭbarilo sed tute ĉirkaŭita de florantaj stipoj, kreskis en mi la deziro ĉiam tie vivi.

Dika pomujo kliniĝis apud mi kaj trempis la ekstremaĵojn de siaj branĉoj en la fonto.

La fonto eliris el la kavaĵo de arbo, kaj la troplено eliĝis en malgrandaj riveretoj, tra la florbedoj.

Tiu ĝardeno plena de floroj kaj de pura akvo ŝajnis al mi la plej bela ĝardeno de la tero kaj kiam mi turnis mian kapon al la domo, grande malfermita por la suno, mi ĉiam atendis, ke elirus el ĝi eksterordinaraj estaĵoj.

Tiu malalta kaj senkolora domo aspektis misterplena : el ĝi eliris subitaj kaj neregulaj etaj glitadoj kaj, antaŭ kelkaj momentoj, mi pensis aŭdi la bruon, kiun faris Hendriko Deslois kiam li metas la piedon sur la sojlon de la farmdomo de Villevieille.

Mi aŭskultis kvazaŭ mi esperus, ke li alproksimiĝos. Sed la paŝobruo ne reaŭdiĝis kaj tuj mi rimarkis, ke la stipoj kaj la arboj aŭdigas ĉiuspecajn misterajn sonojn.

Mi imagis al mi, ke mi estas juna arbo kiun la vento povas laŭvole translokigi. La sama freŝa venteto, kiu lulis la stipojn, pasis sur mian kapon kaj intermiksis miajn harojn ; kaj por imiti la pomujon mi kliniĝis kaj trempis miajn fingrojn en la puran akvon de la fonto.

Nova bruo igis min rigardi la domon kaj mi ne miris kiam mi vidis Hendriko Deslois en la pordokadro.

Lia kapo estis nuda kaj liaj brakoj malstreĉe pendis.

Li faris du paŝojn en la ĝardenon kaj lia rigardo direktiĝis malproksimen, sur la ebenaĵo.

Liaj haroj estis flanke disigitaj kaj lia frunto ege plilongiĝis ĝis la tempioj.

Li restis senmova dum longa momento ; poste, li tute sin turnis al mi.

Nur du arboj nin disigis ; li faris ankoraŭ unu paŝon, li prenis per unu mano la junan arbon, kiu estis antaŭ li, kaj la florplenaj branĉoj aspektis kiel bukedo super lia kapo. La klareco estis tiel granda, ke estis kvazaŭ brilus la arboŝeloj kaj radius ĉiu floro kaj, ĉar en la okuloj de Hendriko Deslois vidiĝis tiel profunda dolĉeco, mi iris al li sen honto.

Li ne ekmoviĝis sed kiam mi haltis antaŭ li, lia vizaĝo fariĝis pli blanka ol lia bluzo kaj lia buŝo tremis.

Li prenis miajn du manojn, kiujn li forte premis al siaj tempioj kaj tre mallaŭte li diris :

— Mi estas kiel avarulo, kiu retrovis sian trezoron.

En tiu momento la sonorilo de la preĝejo de Sainte-Montagne eksonoris. La sonoj altiĝis ĝis la monteto kaj, post mallonga ripozo super ni, ili perdiĝis pli alten.

La horoj pasis kun la tago, la brutaroj, unu post la alia, malaperis el la paŝtejo : blanka vaporo altiĝis el la rivereto ; poste la suno pasis malantaŭ poplobarilo kaj la stipofloroj fariĝis pli malhelaj.

Hendriko Deslois rekondukis min sur la farmovojon ; li marŝis antaŭ mi en la mallarĝa vojo kaj, kiam li min forlasis iom antaŭ la aleo de kaŝtanarboj, mi sentis, ke mi lin amas pli ol fratinon Marie-Aimée.

La montetdomo fariĝis nia domo.

Ĉiun dimanĉon mi tie retrovis Hendriko Deslois kaj, kiel dum la tempo de Johano la Ruĝa, mi realportis la benitan panon, kiun ni ridante dividis.

Nin posedis liberecfrenezo, kiu igis nin kuri ĉirkaŭ la ĝardeno kaj malsekigi niajn ŝuojn en la akvo de la fonto.

Hendriko Deslois diris :

— Dimanĉe mi ankaŭ estas deksepjara.

* * *

Okazis, iun tagon, ke ni haltis apud senlima tritikokampo, kies fino ne estis videbla. Miloj da blankaj papilioj flugetadis super la spikoj, kiuj kliniĝis kaj elrektiĝis kvazaŭ ili volus ekforflugi. Estis kvazaŭ la papilioj alportis flugilojn por ilin helpi ; sed la spikoj vane baraktis, ili ne sukcesis forlasi la teron.

Mi tion diris al Hendriko Deslois, kiu longtempe rigardis la tritikon ; poste, kvazaŭ parolante por si mem, li diris :

— Same estas por la homo ; fojo venas al li dolĉa kreitaĵo ; ŝi similas la blankajn papiliojn de la ebenaĵo ; li ne scias, ĉu ŝi eliras el la tero aŭ ĉu ŝi malsupreniras el la ĉielo ; li sentas, ke kun ŝi li povus vivi de la vento, kiu pasas, kaj de la mielo de la floroj. Sed, simila al la radiko, kiu retenas la spikon ĉe la tero, mistera ligilo lin fiksas al lia devo, kiu estas forta kiel la tero.

Ŝajnis al mi kvazaŭ lia voĉo havis doloran elparoladon kaj ke lia buŝo pli kurbiĝis. Sed tuj poste liaj rigardoj haltis sur min kaj per pli firma voĉo li diris :

— Ni fidu en ni.

*Esperantigis el la franca :*
Lucette FAES-JANSSENS.

# FREDERIKO SCHILLER.

La pasintan monaton oni festis en multaj landoj la 175-an datrevenan feston de la naskiĝtago de Schiller, la plej granda dramverkisto, kiun Germanujo iam donis al la mondo. Ankaŭ en nia lando, oni rememorigis tiun jubileon, per specialaj reprezentadoj.

Efektive, Frederiko Schiller naskiĝis la 10an de Novembro 1759 en Marbach, urbeto en la provinco Würtemberg, apud la Neckar.

Lia patro, unue ĥirurgisto, iĝis kapitano, poste komandanto, kaj en 1764 inspektoro ĉe la kastelo duka « La Solitude ». Ĉar lia patro plurfoje transposteniĝis, la juna Schiller ricevis sian instruadon en diversaj medioj kaj de diversaj personoj.

Unue liaj gepatroj instigis sian filon studi por pastro, kaj li komencis do ĉe Pastro Moser en Lorch. Poste (de 1766 ĝis 1772) li malgraŭ sia volo devis viziti la militistan lernejon, kiun la duko estis fondinta en sia kastelo kaj kiun li speciale rezervis por la filoj de siaj oficiroj. Li tie studis la teologion, poste la juron. Sed kiam la lernejo translokiĝis al Stuttgart sub la nomo de Karlo-akademio (Karlsakademie), li ekstudis la medicinon kaj en 1780, post brila ekzameno, ricevis la postenon de regimentĥirurgisto en Stuttgart.

Kvankam la lerneja disciplino estis malpermesinta kian ajn kontakton kun la eksterlerneja mondo, Schiller estis sukcesinta studi la verkojn de Rousseau, Shakespeare, Klopstock kaj parte de Goethe.

Schiller, parte pro sia deviga, al li ne plaĉa, profesio; parte sub la influo de Rousseau iĝis revoluciema kaj jam en la Karlsakademie verkis « La Rabistoj »-n (die Räuber), verkon tradukitan en Esperanton de D-ro L.L. Zamenhof mem.



*La monumento Schiller-Goethe, en Weimar.*

En 1782 oni reprezentis la dramon en Mannheim. La duko aŭdis pri la revolucitendenca teatraĵo kaj malpermesis al Schiller la presigon de kio ajn nemedicina.

Schiller, prefere ol obei tian ordonon, oferis al la poezio siajn amon kaj familion kaj fugis al Mannheim (Septembro 1782a). Tie li ne trovis fruktodonan postenon, sed Sinjorino von Wolzogen plej afable gastigis lin en Bauerbach, dum tuta jaro. Fine li ekdeĵoris, kiel teatraĵverkisto en Mannheim.

Li troviĝis en tre malbona financa stato, kiam li — laŭ konsilo de unu el siaj admirantoj, Teodoro Körner — forvojaĝis al Leipzig, kie li estis entuziasme akceptata. — En 1875 li iris al Dresden kaj du jarojn poste al Weimar, la tiama centro intelekta kaj literatura.

En 1789 li iĝis Profesoro de Historio ĉe la Universitato de Jena, dank' al la perado de Goethe. En 1790 li edziĝis je

Charlotte von Lengefeld, en kies familio li estis renkontinta la supernomitan verkiston.

En 1794 Schiller ekhavis la ideon eldoni revuon « Die Horen » kaj tiucele serĉis kunlaborontojn, inter kiuj Goethe. De tiu tempo datumas la intima amikeco inter la du artistoj, amikeco, kiu tiom influis la postajn verkojn de Schiller.

Li restis en Weimar por vivi kaj labori en la najbareco kaj laŭ la konsiloj de Goethe, sed bedaŭrinde tro frue mortis, en la printempo de la jaro 1805a.

LIAJ VERKOJ.

Oni ĝenerale dividas la verkaron de Schiller en tri periodoj :

*1a p.:* 1781-1787 : en tiu periodo li verkis siajn unuajn dramojn : « die Räuber » (1781) ; « die Verschwörung des Fiesco » (1782) ; « Kabale und Liebe » (1783), (tradukitan de W. Fricke kaj eldonitan de F. Ader en la « Universala Biblioteko ») ; « Don Carlos » (1787).

*2a p.:* 1787-1794, dum tiu periodo li ekskluzive sin okupis pri historiaj kaj filozofiaj verkoj. De tiu tempo datumas : « Geschichte des Abfalls der Niederlande » (1788) kaj pluraj monografioj kaj poemoj filozofiaj (ekz. : « die Götter Griechenlands », « das Ideal und das Leben », k.a.).

*3a p.:* 1795-1805. Sub la influo bonfara de Goethe li ree sin turnas al la poezio kaj verkas siajn plej belajn lirikajn poemojn kaj baladojn (ekz. : « die Glocke », « der Ring des Polycrates », « der Kampf mit dem Dracken », k.a.). Ankaŭ datumas de tiu-ĉi lia lasta periodo liaj mondfamaj majstrodramoj : « Wallenstein » (1799) ; « Maria Stuart » (1800) ; « die Jungfrau von Orleans » (1801) ; « die Braut von Messina » (1803) ; kaj « last but not least » lia neforgesebla, ankaŭ en Esperanton tradukita, « Wilhelm Tell » (1804).

Henri SIELENS.

## Kanto el « LA RABISTOJ ».

*Moor prenas la liuton kaj ludas :*

BRUTO

Mi salutas vin, ho paca tero !
Nun akceptu lastan la Romanon !
De Philippi de l'batalinfero
Mi al vi etendas mian manon.
Decidiĝis, Romo, via sorto,
De l' patruj' pereis la espero !
Mi nun frapas al la pord' de l' morto,
Mi jam ĉion perdis sur la tero !

CEZARO

Kiu tie vagas, fierulo,
Kvazaŭ hom' neniam kliniĝinta ?
Ha, se min ne trompas la okulo,
Estas ĝi Romano ĵus mortinta !
Tiberan', de kie vi nun venas ?
Ĉu la granda urb' ankoraŭ staras ?
Ĉu ĝi bone sin ankoraŭ tenas,
Dum en ĝi neniu nun cezaras ?

BRUTO

Ha, vi kun dudektriobla vundo !
Kiu vin elvokis el sub tero ?
Paŝu for al Orko la profunda,
Ne triumfu nune kun fiero !
Lastan sangon de libera homo
Ĉe Philippi sorbis nun la tero ;
Super mia ĉerk' pereas Romo,
Min Minoso prenos — vin rivero.

CEZARO

Morta bato de la glav' de Bruto !
Ankaŭ vi, ho Bruto, filo mia !
Vi mortigis patron ! Tero tuta
Estus ja post mi heredo via !
Vi atingis la plej grandan gloron,
Kiam vi trapikis patran koron.
Nun min jam nenio plu turmentos ;
Mi returne iros kaj silentos.

BRUTO

Patro, haltu ! Sur la tuta tero
Mi nur unu solan homon konis
Kun al vi simila karaktero —
Vi al li la nomon filo donis.
Nur Cezaro Romon ruinigus
Kaj Cezaron Bruto nur mortigus.
Ambaŭ kune vivi ni ne povas !
Vi maldekstren — mi min dekstren ŝovas.

*Tradukis* D-ro L.L. ZAMENHOF.

* * *

## ESPERO.

Tre multe homar' kun espero en koro
Pri vivo estonta parolas,
Kaj ĉiam al celo feliĉa kaj ora
Aliri plej baldaŭ ĝi volas.
Jen mondo ekvelkas, jen ree disfloras —
Sed homo esperon senĉese adoras.

Espero kun li sen-aparte vivadas ;
Ĝi knabon dorlotas, junulon
Per sorĉa radio ĝi gaje logadas,
Konsolas ĉe tomb' maljunulon :
Li tre lacigita per vojo de tero,
Foriras en tombon kun dolĉa espero.

Ho, ne ! ĝi ne estas elpenso malvera,
Per revoj malsaĝaj naskita !
Ni scias, ni sentas kun kredo sincera,
Ke estos esper' plenumita.
Kaj tiu ĉi sento ĉu estas kapabla
Nin trompi en nia revaĵo agrabla ?

*Tradukis* V. DEVJATNIN.

*El « Fundamenta Krestomatio ».*

***

NOTO. — Preskaŭ ĉiujare la Esperantistoj hezitas antaŭ la granda amaso da literaturaĵoj kiam ili la 15an de Decembro volas aĉeti libron ; tiun-ĉi jaron ni aĉetu «la Rabistoj»n samtempe je la honoro de Nia Majstro kiel je tiu de Schiller.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 1an de Decembro: Bonhumoraĵa vespero de S-ro Bolsius, kiu estis malhelpata paroli la antaŭan sabaton.

La 8an: Parolado de S-ino Van der Veken-Van Bockel pri « Lehar » (agrabligota per muziko).

La 15an: *Zamenhoffesto:* Diplomdisdono al la lernintoj de la kurso de S-ro De Hondt. Festparolado de S-ro De Ketelaere, ĉefdelegito de U.E.A. Intima dancado. *(Oni metu siajn medalojn.)*

La 22an: *Kristnaskfesto* por la « plenkreskuloj »... (Ĉiu alportu surprizon por la Kristnask-arbo; deviga.)

La 23an (dimanĉon), je la 15a: *Kristnaskfesto* por la infanoj de la gemembroj (la interesatoj petu informojn al la estraro).

La 29an: *Kabaredvespero* (ĉiu alportu sian propran lumigilon: deviga).

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

La 4an Decembro: Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto »; poste: Portretludo. Prez. Ch. Poupeye.

La 11an: Grupa vizito al la malnova kafejo « Vlissingen » (estro: Samideano Vital Jehanssart). Prez. F-ino Y. Hubrecht.

La 18an: Kantvespero, okaze de la naskiĝdatreveno de D-ro Zamenhof (15-12-1859), kun kunlaboro de S-ino Ch. Poupeye, F-ino A. Boereboom kaj S-ro G. Groothaert.

Ĉiu ĉeestanto ricevos donacon el la biblioteko de S-ro A.J. Witteryck.

La 25an: Kristnasko, 1 Jan.: Novjaro, kunvenoj ne okazos. Unua sekvonta kunveno: 8-an de Jan. 1935.

Lecionoj de la kurso por komencantoj, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye, ĉiuvendrede, do la 7-an, 14-an, kaj 21-an de Decembro, je la 20-a horo en la sidejo: « Cornet d'Or ».

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo: Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj: S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Tie ankaŭ je la samaj tago kaj horo vendado kaj mendado de esperantaĵoj, libroj, papero, kovertoj pk. k.t.p. — c) Ĉe la komenco de ĉiu kunveno okazas « Samideana Prediketo ».

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

Lundon, 3 de Decembro : S-ro Hart prezidos.

Lundon, 10 : S-ro Adamski prezidos.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ». — Kalendaro laŭ la grupoj :

Pro la rea okupado de niaj profesoroj, la perfektigaj kunvenoj ne plu povas okazi regule, kiel dum la libertempa periodo. En Sclessin tamen ili daŭros esti farataj en la sidejo (rue Ernest Solvay, 1), sed nur unu fojon ĉiumonate: la unuan laborĵaŭdon, t.e. la 6-an de Decembro, la 3-an de Januaro, k.t.p.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo "** — Bonege sukcesis la kantlernado de la 3a de Decembro, dum kiu la forteco de la ĉeestantaj voĉoj kompensis la foreston de kelkaj aliaj eble tre ĉarmaj, sed neaŭdeblaj.

Pro la Armistictago okazis la 10an akademia kunsido, dum kiu S-ro Jaumotte, kiel prezidanto, klarigis la signifon de tiu milithaltiga tago speciale por la Esperantistoj. Kiel festparoladistino tiam sin prezentis S-ino Elworthy-Posenaer, kiu faris tre interesan prelegon pri « Antverpeno antaŭ duonjarcento ». Tia parolado ne estas resumebla. Ni tamen diru, ke ĝi estis plena je allogaĵoj por la pli maljunaj, kiel por la junaj membroj, kiuj ĉiuj multe ĝuis la klarigojn. S-ro Jaumotte dankis tre sincere la malnovan Esperantistinon, kiu iom bedaŭrante la forfalon de multaj monumentoj kaj aranĝoj el sia juneco, tamen samtempe kantis la plej belan kanton de la Vivo, kiu ripozas sur la daŭra anstataŭigo de personoj kaj objektoj. Varme ekflamis la aplaŭdoj post tiu parolado. Agrabla dancado sekvis, sekvadis.

La 17-an S-ro Jaumotte faris antaŭlegadojn el la libro de Baghy, « Verdaj Donkiĥotoj », kiun li unue resumis kaj klarigis. S-ro Boffejon, vicprezidanto, dankis la prezidanton kaj atentigis la lernantojn, kiuj ĵus ĉeestis la unuan kunsidon de la perfektiga kurso, gvidata de S-ro De Ketelaere, ke, se ne ĉiuj kapablas fari verajn paroladojn, ĉiuj tamen kapablas legi. Li instigis ilin do ĉiujn, laŭvice, sekvi le montritan ekzemplon.

La 25an S-ro Bolsius devis rakonti siajn humoraĵojn. Tiuj, kiuj scias kia trezoro de bonhumoro kuŝas en nia amiko Bolsius, povas imagi al si, kiel agrabla kaj gaja devas esti tia vespero, kaj do certe ĉeestos proksiman sabaton la kunvenon. Pro malsano S-ro Bolsius efektive ne povis jam paroli kaj estis anstataŭata de S-ro Faes, kiu pritraktis la nunan situacion, rilate al la muziko. Kun vera kompetenteco la sekretario montris, ke post la postmilita ritma-periodo, ni reiras nun al la melodia, kio reprezentas vere gajno laŭ pure muzika vidpunkto. Varma aplaŭdo kaj dankvortoj de la prezidanto sekvis la finvorton de tiu agrabla parolado.

*Kurso ĉe la Infanoj de la Militintoj.* — La 22an okazis la unua leciono de speciala kurso, pri kiu petis la Societo « Amika Rondo de la Infanoj de la Militintoj ». S-ro Jaumotte prezentis la profesoron S-ron Sielens, kiu denove akceptis gvidi kurson ekster la grupo. Post malgranda parolado pri nia lingvo, S-ro Jaumotte tuj lasis S-ron Sielens ekkomenci sian instruadon.

*Esperanto ĉe la Skoltoj.* — La, en la numero de Julio anoncita, elementa kurso ĉe la Marskoltoj de Belgujo finiĝis per tre kontentiga ekzameno. La entuziasmaj lernintoj fondis malgrandan klubon « Stelo kaj Lilio », kiu nun organizas

perfektigan kurson, kiun daŭros gvidi S-ro Sielens, kiu meritas specialan honorigan mencion.

**BRUĜO.** — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 16-an de Oktobro, post diversaj komunikaĵoj kaj la ĉiusemajna prediketo, faritaj de F-ino Y. Thooris, la ĉeestantoj konkurse kartludis per la « Lexicon »-ludo.

Agrabla kantvespero okazis la 23-an sub la lerta gvidado de S-ino Poupeye kaj F-ino A. Boereboom. Dum la ripozoj la ĉiumonata poŝtmarka borso okupigis kelkajn gemembrojn.

La 30-an vere surpriza vespero; la ĉeestantoj ĝue aŭskultis humorplenajn rakontojn de S-ro Groverman, S-ro kaj S-ino Groothaert. La rakontintoj rikoltis viglan sukceson.

Jaŭdon, 1-an de Novembro, grupa delegacio kun la flago partoprenis en la funebra sekvantaro ĝis la Milita Tombejo, kaj, post tiu ceremonio, iris saluti la tombojn de la formortintaj samideanoj kaj precipe tiun de la karmemora Fondinto-Prezidinto A.J. Witteryck.

La 6-an okazis la legado de « Belga Esperantisto » kun klarigado kaj pridiskutado, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye.

Speciale gaja kunveno estis tiu de la 13-a, dum kiu, sub gvidado de F-ino M.J. Vanden Berghe, pluraj gemembroj montris siajn talentojn, prezentante diversajn lertegaĵojn, ĵonglaĵojn aŭ iluziaĵojn.

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso
## Bruĝo, Pentekosto 1935

*4-a INFORMBULTENO :*

La L.K.K. jam serioze pristudas la organizon de tiu jubilea kongreso. Plej interesaj ideoj estas proponitaj por ĝia programo ; ĉiuj estos atente esplorataj kaj, post definitiva decido, publikigataj en sekvontaj bultenoj.

Kelkaj samideanoj jam sendis sian aliĝon. Imitu tiun ekzemplon ! La nomoj de la aliĝantoj aperos laŭvice en la sinsekvantaj informbultenoj.

SENDU DE NUN VIAN ALIĜON (15 fr.) KAJ LAŬDEZIRE DONACOJN (SENLIMAJN), AL P.Ĉ.K. 1119.10 « BELGA KONGRESO DE ESPERANTO », BRUĜO.

*Unua listo de Kongresanoj.*

Ĉi sube ni donas la unuan liston de la partoprenontoj en la kongreso de Pentekosto 1935. La nomoj estas citataj en la ordo de alveno de la kotizoj :

1. S-ro Maurice Jaumotte, Antverpeno.
2. S-ino Maurice Jaumotte-Loquet, Antverpeno.
3. S-ino V-ino Frans Schoofs-Van den Putte, Antverpeno.
4. S-ro Léon Schoofs, Antverpeno.
5. S-ro Charles Poupeye, Bruĝo.
6. S-ino Charles Poupeye, Bruĝo.
7. F-ino Yvonne Thooris, Bruĝo.
8. S-ro D-ro Paul Kempeneers, Bruselo.
9. S-ino Paul Kempeneers, Bruselo.
10. F-ino Marguerite Nyssens, Bruselo.
11. S-ro Paul Nyssens, Bruselo.
12. F-ino Marguerite Claeyssens, Gento.
13. S-ro Robert Groverman, Gentbrugge.
14. S-ino Angèle Gruslet, Gento.
15. S-ro Henri Petiau, Gento.
16. S-ino Henri Petiau, Gento.
17. S-ro Léon Cogen, Ninove.
18. S-ino Léon Cogen, Ninove.

## EKZAMENO PRI PROFESORA KAPABLECO

Jam dufoje ni presis en nia revuo la programon de la ekzameno pri profesora kapableco.

Ekestis, verŝajne pro tiu ĉi represo, vera intereso pri la afero. Estas jam certe, ke, dum la Kongreso de Bruĝo, diversaj el niaj bonaj membroj, klopodos akiri tiun diplomon.

Ni aldonu al tio, ke la diplomdisdono okazos dum la Kongreso mem, ĉar la laboroj finiĝos ĉiuj sabate vespere.

Pri la ĝusta horo de ekkomenciĝo ni donos klarigojn poste.

Ni memorigas pri la fakto, ke la partoprenprezo estas Fr. 50,—.

Tiuj, kiuj deziras partopreni, povas jam de nun sin turni al la Ligestraro.

## Por la jam diplomitaj profesoroj.

**« Belga Esperanto-Instituto » ĵus fabrikigis specialan stelinsigneton, kunmetitan el la Esperanto-stelo, ornamita per du oraj palmetoj.**

**Tiu ĉi insigno estos speciale rezervata al la profesoroj, kiuj akiris la oficialan diplomon pri profesora kapableco de « Belga Ligo Esperantista ».**

**Ĉiuj, kiuj posedas la diplomon mendu tiun insignon al « Belga Esperanto-Instituto », Willemsstrato, 21, Antverpeno, (ĝi kostas Fr. 5,—) kaj portu ĝin. Tio instigos la aliajn grupajn profesorojn, kiuj tre certe kapablas akiri la diplomon, sed hezitas antaŭ ekzameno, tamen sin enskribi kaj tiel pligrandigi la taĉmenton de tiuj laborantoj pri kiuj ni al la granda ne-esperanta publiko oficiale rajtas aserti, ke ili estas kompetentaj profesoroj de nia kara lingvo.**

## INTER NI

*Ĉiu, kiu deziras partopreni al la korespondado de la « Inter Ni »-anoj rajtas ensendi maksimume 12 liniojn de ĉirkaŭ 60 literoj aŭ spacoj en ĉiu numero, por Fr. 2. La pagon oni povas fari per P. M. aŭ al Pĉk. de la Ligo. Sufiĉas, en tiu ĉi lasta okazo, ripeti sur la pagilo la pseŭdonimon, uzitan en la letero al ni senditan.*

AL « NIA GAZETO ». — Koran dankon pro la gratuloj. — *Maur. Jaumotte.*

AL S-RO R. KIERE. — Mi bone ricevis vian leteron kun sugestoj; atendas vian abonpagon; trarigardis vian poezion « Dum Kristnasktago »; korektis kelkajn etajn erarojn; atentigas vin tamen pri « proksima maten' », rimanta kun « senspira alven' ». « Proksima maten' » devas esti « proksiman matenon », kun finaĵo « on » kiu ne povas esti forlasata. Vi eble proponu mem ŝanĝon, aŭ ĉu ŝajnas al vi bona la jena mia sugesto : ....ĉu dormi li povas...

Ĉu vidos lin ree proksima maten'?

. — *Direktoro de B. E.*

**GRAVA. — En la numero de Januaro, ni nepre presos kelkajn bibliografiajn notojn, pri libroj jam de kelka tempo aperintaj kaj ankaŭ iom detalan programon de la Universala Kongreso, kiu estos vere tre alloga.**

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.